Jaro V * N.° 58ª Oktobro * 1908

# LA SUNO HISPANA

Direktoro-Administranto ★ Director-Administrador

RAFAEL DUYOS

CIRILO AMORÓS, 28 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos



## La Barcelona Kongreso

Preskaŭ ĉiuj hispanaj gesamideanoj sendis al ni kuraĝdonajn leterojn, responde al la alvoko publikigita en nia antaŭa numero, esprimante la dezirojn kunhelpi laŭ siaj fortoj por povi inde ĉeesti inter la gekongresanoj. Ni notas tiujn ĉi honorigajn dezirojn por ilin utiligi se la okazo alvenos. Nun ni atendu la preparan laboron de la organiza komitato.

Laŭ la decido aprobita en la Dresdena Kongreso, en la venonta jaro okazos du internaciaj esperantistaj kongresoj, unu en Chautauqua (Norda Ameriko), la alia en Barcelono. Por eviti konfuzojn kaj ĉar la Amerika okazos antaŭ ol la nia, tiu de Chautauqua estas nomita *Kvina Kongreso*, tiu de Barcelona *Sesa*.

La *Hispana Societo p. p. Esperanto* kaj *Espero Kataluna* nomis po unu delegito, kiuj estos membroj de la *Konstanta Komitato de la Kongresoj* laŭ la regularo de tiu ĉi komitato. Sroj. Sabadell kaj Pujulá estas elektitaj kaj ili jam komencis plenumi sian rolon.

La dato de la Kongreso jam estas fiksita. La malferma kunsido okazos la 22ªⁿ de Aŭgusto (dimanĉo) kaj la ferma la 28ªⁿ (sabato). Jam estas do elektita nia *granda ĉiujara semajno.*

La grupo «Vilasara Stelo» komencis organizi *Florajn Ludojn* (poezia konkurso) por la Kongreso, sed tial ke *La Revuo* akceptis protekti tiun belan feston ĝi haltigis la jam faritajn laborojn, kiuj certe estos uliligataj. Pro tio ni ne povas nun prezenti programon de tiu konkurso, nur ni povas sciigi al niaj legantoj ke ĉar tiuj *Floraj Ludoj* estos vere internaciaj oni donos la ***naturan floron*** (unua premio) ne al plej bona verslaŭdanto de *Amo*, *Fido*, *Patrujo*, kiel okozas en la hispanaj ludoj sed al tiu de *Amo*, *Fido*, *Homaro*. Ankaŭ ni antaŭsciigas, ke oni akceptos verkojn verse aŭ prose redaktitajn.

Ĉar ĉio estas nun ankoraŭ en projekto kaj por eviti eblajn korektojn, ni ne plu parolas hodiaŭ pri la Kongreso. Sufiĉos al niaj scivolemaj legantoj, ke ni certigu ke ĉio iras laŭ plej bona vojo kaj ke la sukceso, sed sukceso frapanta, estas jam atingita.

Esperu, atendu kaj laboru.

# Solvo de la aritmetika problemo

## publikigita en nia Julia numero (1).

Ĝi vere atingis belan sukceson, ĉar ni ricevis multegon da leteroj klarigantaj diversmaniere la ĝustan solvon. Preskaŭ ĉiuj fondis sian pruvon sur la teorio de dividebleco, kaj ni prezentas la jenan solvon akceptatan de la plimulto.

*Problemo: Serĉu triciferan nombron, kiu, multiplikate kun la sumo de siaj ciferoj, donos 10206.*

Ni nomu *N* la serĉatan nombron kaj *S* la sumon de liaj tri ciferoj; tial do,

$$N \times S = 10206 \qquad \text{aŭ} \qquad N = \frac{10206}{S}$$

Sed por ke N havu tri ciferojn, S devas esti pli granda ol 10, kaj samtempe, ĉar S estas la sumo de tri ciferoj, ĝi maksimume estos 27; sed S = 27 donos N = 378, nombro ne solvanta la problemon. Sekve, S estas pli granda ol 10 kaj pli malgranda ol 27, kaj devas ekzakte dividi 10206; ĝi do estos 14, 18 aŭ 21.

Se ni malkomponas la konitan nombron en primojn, ni trovas $10206 = 2.3^6.7$. Tiuj ses faktoroj 3 devas esti en N kaj S; tio estas, N enhavas almenaŭ tri, kaj tial estas dividebla per 9, kaj la sumon de siaj ciferoj, S, estas dividebla per 9. Fine, ni vidas, ke el la tri valoroj de S ni nur povas akcepti la nombron 18, kiu donas por la serĉatan nombron N la valoron 567.

* * *

Estas certe, ke ni ricevis ankaŭ aliajn tre rimarkindajn elmontrojn, kiel, ekzemple, tiujn de Sro. Ignacio Casas kaj Miguel A. Feliz de Vargas. Sed tiu de Sro. Casas ŝajnas pli simpla kaj facila ol ĝi vere estas; vere en la nuna problemo li baldaŭ trovas la solvon sed tio estas ĉar la primaj faktoroj de la nombro S estas precize 2, 3 kaj 3, la unuaj, kiujn oni trovas malkomponante la nombron donitan; en alia okazo li estus devigata fari diversajn *provojn* por trovi la solvon.

* * *

La ekzemplerojn de *Prozo kaj Versoj* ni sendos al la jenaj lotmontritaj abonantoj: Sro. Emilio Casares, Fino. Miette kaj Sro. Holborne.

Kaj vidinte la sukceson de tiu aritmetika problemo ni nun prezentas la jenan:

*Serĉu nombron ekzakte divideblan per 11, sed ĝi donas kiel reston 5, kiam ĝi estas dividata per ĉiu el la nombroj 6, 8, 10 kaj 12.*

Ni publikigos la solvon kun pruvo en la venonta Januara numero kaj disdonos al tri divenintoj lote montritaj po du frankoj da libroj aŭ objektoj vendataj en tiu ĉi redakcio.

# Esperanto en la ĉielo

La 18an de Septembro stranga interparolado okazis super la provinco de Guadalajara, ĉar du liberaj balonoj pasis tre proksime unu de la alia kaj la simpatia prezidanto de la grupo Madrida Sro. Perogordo, kiu aerveturis en unu, interparolis esperante kun Kapitano Heredia, kiu sidis en la nacelo de la alia. Post feliĉa aerveturado

(1) Ni uzas vortojn kaj esprimojn proponitajn de Sro. R. Bricard en sia *Matematika Terminaro kaj Krestomatio.*

dum 6 horoj, Sro. Perogordo revenis teren en Torreaviñon, apud Sigüenza, trafluginte 66 kilometrojn.

Ni profitas la okazon por gratuli Kapitanon Perogordo, kiu sin mirakle elsavis el mortdanĝera okazintaĵo, en alia libera aerveturado.

# La kvar jartempoj

I

Ridetas tre gaje, tre hele naturo:
Ĝin vestas smeralda verdaĵo;
Ĉirkaŭe vidiĝas de vivo plezuro
Kaj ĝojo en ĉiu kreskaĵo.

La suno favore amike etendas
Al ĉio brilantan radion,
Al ĉio konsolon, feliĉon ĝi sendas,
Vivigas, varmigas ĝi ĉion!

II

Naturo jam estas en luksa disfloro,
De vivo matura pleniĝas,
Kaj suno, simila je globo el oro,
En blua ĉielo ruliĝas.

Sed ĝi tro varmege bruligas l' aeron
L' arbaro jam pluvon avidas,
La herbo flaviĝas kaj falas sur teron,
De l' suno sin kaŝi rapidas...

III

Ĉesiĝis jam tute varmego somera,
Naturo malgaje forfloras,
Kaj ofte en sia malĝojo sincera
Per pluvo senhalta ĝi ploras!

Nur vento ribela, trapike fajfante,
Ŝancelas foliojn kun bruo,
Kaj ilin forpelas, de l' arboj ŝirante...
Ĉagreno, sopiro, enuo!...

IV

Blankiĝas naturo, en neĝo vestita,
Kaj kiel arĝento ĝi brilas;
Per prujno lanuga kaj griza kovrita,
Ĝi al maljunulo similas.

Kaj morto severa vidiĝas en ĉio,
Ĝin forta eĉ frost' ne forigas...
Malvarmo, silento... La suna radio
Nur lumas, sed jam ne varmigas!...

V. Derjatnin.

(El «Esperantisto», 15.ª aŭgusto 1893).

# Antikvaj kaj Nunaj Kredaĵoj en Wallon'ujo

La grandaj ŝtonegoj, kiuj staras laŭlonge de niaj riveroj enhavas multajn kaj mirindajn grotojn. La plej grandaj kaj belaj estas la tutmonde konataj grotoj de *Han.*

La aliaj estas multe pli mallarĝaj, kaj la popolo kredas, ke iam ili estis loĝataj de malgrandeguloj nomataj «*Sotê*» aŭ «*Nuton*». Tial, tiujn grotojn oni nomas tie ĉi: «*Tro di nuton*» truoj de *nuton.*

Tiuj homoj estis ja tre malaltkreskaj, ĉar oni rakontas ke, ian tagon, unu el ili

ekvidante juglandajn ŝelojn ekkriis gaje: «*Hi, lè bia pitit potia*». Ho jen belaj potetoj!

Eble ili estis iom petolemaj kaj ŝercemaj, sed nepre tre servemaj kaj ĝentilaj. Vespere niaj vilaĝanoj demetis siajn difektitajn ŝuojn, vestojn aŭ ilojn apud la enirejo de iliaj grotoj, kaj la morgaŭan matenon oni trovis ĉion rebonigitan de la *sotê*. Tiujn-ĉi *sotê* aŭ *nuton* neniam iu vidis, sed neniu dubas pri ilia estinteco. De kie devenas tia kredaĵo? Nun, oni scias certe ke pratempe (dum la antaŭhistoria tempo), niaj grotoj estis loĝataj de homoj malgrandaj, kies postsignojn oni nun retrovas ofte. Tiujn postsignojn la sciencistoj serĉas kaj klarigas nur de kelkaj jaroj; antaŭe ili estis tute nekonataj. Aliflanke, oni ne povas kredi ke la tradicio pri tiuj unuaj loĝantoj de nia lando trairis tiom da jarcentoj.

Estas do tre kredeble ke la *nuton* kaj *sotê* estas nur kreitaĵoj de la popola fantazio.

Ĉu sama aŭ simila kredaĵo ekzistas ankaŭ en aliaj landoj? Tio estas ja ekkoninda; kaj mi ne dubas, ke la aminda direktoro de SUNO HISPANA bonvole akceptos ĉiujn seriozajn sciigojn pri tio.

* * *

En Wallon'ujo, oni kredis antaŭe je sorĉistoj kai precipe je sorĉistinoj, kiujn oni nomis «*Makral*». Tiuj-ĉi interkonsentis kontrakton kun la diablo, kiu donis al ili grandan povon, sed nur por malutili. La gesorĉistoj povis doni al si la formon de ĉiuspecaj bestoj. Nun la kredo je tiuj mirindaĵoj pli kaj pli malfortiĝas, sed oni kredas aukoraŭ, ke iaj maljunulinoj havas la timindan povon sendi malfeliĉon aŭ malsanon en la malamikajn domojn. Cetere se tiuj kredaĵoj ekzistas ankoraŭ en la terkulturaj landoj, oni povas diri, ke en la industriaj vilaĝegoj aŭ urboj la sorĉarto pli kaj pli estas anstataŭata de la Spiritismo. Tio estas nur friponaĵo per kiu iaj lertaj trompantoj ŝajne alvokas la mortintoj por ekkoni la devenon de la malsanoj kaj la kuracilojn uzotajn por ilin forigi. La gespiritistoj loĝas precipe en la ĉirkaŭaĵoj de la urboj *Liège* kai *Charleroi*, intermeze de la industriaj malaboristoj; sed ili estas tre diskonataj kaj oni alvenas ĉe ilin el tre malproksimaj vilaĝoj.

La individua libereco estas tiel granda en Belgujo, ke ili estas neniam maltrankviligataj. Ili praktikas libere kaj kviete sian «metion» dum kelkaj jaroj, kaj riĉiĝinte ili malaperas. Ili iras en alian urbon, kie ili ĝuos la «frukton de sia laboro» kaj kie ili eble fariĝos «honestaj burĝoj»!

* * *

Tiaspecan spiritistinon mi vidis laboranta. Antaŭ kelkaj jaroj mi kuracis vilaĝanan vidvinon. Ŝi ja tre suferis pro kora malsano, kaj ofte astmaj atakoj faligis ŝin en grandan danĝeron. Ian tagon, kiam mi alvenis apud ŝian dometon, veturilo jam tie staris.—«Ĉu ia kara kunfrato?» Tion oni vidas kelkafoje. Sed la pordo larĝe malfermita liveris al mia rigardo la jenan nekredeblan vidaĵon. La malsanulino kuŝas en sia seĝego. Kelkaj gevilaĝanoj sidas aŭ staras ĉirkaŭ ŝi. Apud la tablo sidas la filino de la vidvino kaj alia nekonata virino. Tiun-ĉi tiel atente ĉiu rigardas, ke neniu min vidas. Senbrue kaj senmove mi pro scivolemo haltas ĉe la sojlo. Sanmomente aŭdiĝas la voĉo de la nekonatino:—«Mi tuj alvokos la animon de via mortinta edzo; mi ĝin venigos en tiun glason kaj ĝi diros al mi la devenon de viaj suferoj». En glason duone plenigitan per akvo ŝi ŝutas iom da pulvoro, kiun ŝi movigetas per kulereto, mallaŭte elparolante kelkajn vortojn; kaj ŝi demandas:—«Ĉu vi deziras ke la animo de via edzo revenu tien-ĉi?» La malsanulino iom ŝanceliĝas, kaj fine respondas: «Jes».

La ĉeestantoj malfermante grandajn okulojn estas atentegaj.

La spiritistino eltiras el skatoleto kulereton da alia pulvoro, stariĝante ekkrias:—

«Per la povo de tiu pulvoro venu en la glason»! Kaj faligas la pulvoron en la glason. Tuj la akvo ekboletas kaj ekkraketas. La plej granda miro videbliĝas sur ĉiuj vizaĝoj.

Kliniĝinte super la glaso, la spiritistino ŝajnas aŭskulti tre atente. Iom post iom la akvo kvetiĝas, kaj ŝi relevante la kapon diras:—«Mi tute sukcesis; la animo de via edzo venis kaj parolis al mi. Ĝi mem suferigas vin; premegante vian bruston ĝi kaŭzas viajn astmajn atakojn. Sed vi revidos min baldaŭ tie-ĉi, kaj mi malhelpos ĝian revenon».

Nun estas finite kaj tuj pagote. La filino donis kvar monerojn da kvin frankoj. Tiam enirinte mi diris:—«Ho! Sinjorino, vi vendas altpreze viajn gasnaskajn pulvorojn! Tamen tio ne estas troe pagita, ĉar via friponaĵo estos konata de la tuta vilaĝo, en kiun mi esperas, ke vi neniam revenos». Sed ŝi jam estis reenirinta la veturilon, kies ĉevalo galope foriris.

Kelkajn ĉeestantojn iom timigis mia «kuraĝego», tamen la plimulto komencis kredi ke mi estas prava kaj mi facile komprenigis al ĉiuj la artifikon de la spiritistino.

Mi pensis ke tia kredaĉemo estas propraĵo de neinstruita loĝantaro; tial miavice mi tre miris eksciante ke la veturilo apartenas al proksima kastelano ŝin veniginta por resanigi la malsanulinon, kies suferojn la kuracisto provis nur iom plimalgrandigi.

D.ro A. Melin.

# Al Ĉiuj Esperantistaj Kuracistoj

Estimata Kolego!

Dum la lasta Kongreso de Esperantistoj en Dresdeno, la grupo de diverslandaj kuracistoj organizis *Tutmondan Esperantan Kuracistan Asocion* (T. E. K. A.), celanta la praktikajn interrilatojn inter ĉiulandaj kolegoj. La mankon de tia profesia unuiĝo de kuracistoj ni ĉiuj sentis jam de longe,—sed, bedaŭrinde, ĝis nun ĉiuj penadoj starigi ĝin restis sensukcesaj. Nun, dank' al Esperanto, ĝi efektiviĝas. De nun ĉiu kuracisto, kiu deziras viziti ian fremdan landon kaj ricevi necesajn sciigojn aŭ havi en ĝi gvidantojn, povos facile tion ĉi plenumi per la helpo de la novefondita asocio. Ni ne devas aldoni, ke ni kuracistoj tre ofte bezonas helpon en tiu ĉi direkto, ĉu en sciencaj, ĉu en praktikaj aferoj. La malgranda kotizaĵo, kiun pagos ĉiu membro (2 Sm. = 3 frankoj — 4 ŝilingoj — 4 markoj, — entenata la abonprezon de la jurnalo) estos multoble kompensita per la utilo, kiun certigas al li nia unuiĝo.

Por konatigi vin kun la programo de la Asocio, ni aldonas ĉi tie ĝian regularon:

1. Tutmonda Esperanta Kuracista Asocio (T. E. K. A.) havas kiel celon praktikajn interrilatojn inter ĉiulandaj esperantistoj.

2. Membro de la T. E. K. A. povas esti ĉiu kuracisto kotizanta 2 Sm., pagatajn en la komenco de ĉiu jaro. Krom tio T. E. K. A. povas elekti honorajn membrojn, kiuj pagas nenian kotizaĵon.

3. Ciu membro de T. E. K. A. subtenas la asocianojn en ĉiuj demandoj kuracistaj.

4. La membroj de la Asocio ricevas senpage oficialan organon de la T. E. K. A., kiu enhavas ĉiujn necesajn sciigojn, tuŝantajn la praktikajn interrilatojn inter kuracistoj.

5. La T. E. K. A. havas sian centran organizacion, kiu direktas ĉiujn aferojn de la Asocio.

6. La Centra Komitato elektas en ĉiuj landoj po unu aŭ pli konsulojn, kiuj gvidas la tutan agadon en sia lando, elektante reprezentantojn laŭ eblo en ĉiuj urboj kaj kuraclokoj.

7. La Centra Komitato konsistas el unu prezidanto, du vicprezidanto, unu sekretario kaj unu kasisto.

8. La elekto de la Centra Komitato okazas ĉiujare en decembro.

Estis elektitaj, kiel prezidanto: Prof. Dor (Lyon); vicprezidantoj: D.roj Mybs (Altona), Ghitaker (Liverpool); sekretario: D.ro W. Robin (Varsovio); kasisto: Prof. Soulier (Lyon); konsuloj: en Francujo D.roj Vallienne kaj Artigues; en Rusujo D.ro Ŝidlovski kaj Kabanov; en Aŭstrujo D.ro Skalkowski; en Germanujo D.ro Mybs; en Polujo D.roj Krukowski kaj Léon Zamenhof (honora konsulo); en Anglujo D.ro Legge; en Svedujo D.ro Krikortz; en Hispanujo D.ro Rogelio Pérez Domingo, Huérmeces; en Kanado (Ameriko) D.ro G. B G. Brossard, Laprairie.

Kiel honoran prezidanton oni elektis unuvoĉe D.ron L. L. Zamenhof, nian karan Majstron.

Kiel oficialan organon oni alprenis por 1909 la «*Voĉon de Kuracistoj*».

Ni petas, ke vi bonvolu aliĝi al nia Asocio, kaj sendi ĉiujn sciigojn al D.ro W. Róbin, Senatorska 80, Varsovio.

*La prezidanto,* D.ro H. Dor. *La sekretario,* D.ro W. Róbin.

---

# EN LA NIT

**A D. Rafael Duyos, mon mestre y mon amich**

Somniaba.

Era un jardí molt gran ple de palmeres
y ple d' arbres estranys,
y era una nit sens lluna, pero clara,
nit plena de misteris y de fantasmes blanchs.

Lluntana una ciutat y de llums plena
á un llach se pareixía,
reflectant les estrel-les de que estaba ple 'l çel.

Un jove que acamina
per una senda omplida de lliris y clavells,
es descubrix el cap y s' agenolla
al vore que unes sombres s' apropren vérs á éll.

La forma de dones preniren les sombres,
y el jove mirantles ab ulls extasiats,
al vore belleces jamay concebides
per quí son, ni pensa, ni pot preguntar.

Y totes parlaren á cor com ondines

en una harmonía com un cant de çel,
y el jove s' estranya al vore que parlen
ca una una llengua que éll no comprén.

Va ixir una d' elles, hermosa com totes,
riense com fada parlant llemosí:
«Nosaltres som, jove, les lliteratures
»acaminant juntes cap un mateix fí.»

Mirant una á una el jove, en gran ansia
vá dirlis entonces mostrant son dolor:
«Hermoses son totes, hermoses de forma,
»mes yo no puch vore com son en lo cor».

Ixqué entonces altra de nacre vestida
portant per diadema en l' or del seu cap
de llums capritjoses estrel-la verdosa,
y d' esta manera al jove parlá:

«Als meus braços vine, yo soc l' Esperanto,
»les lliteratures les he d' unir yo,
»l' arcá en que tú et troves yo tinc que desferte,
»vorás totes éstes com son en el cor.»

Somniaba.

Era un jardí molt gran ple de palmeres
y ple d' arbres estranys,
y era una nit sens lluna, pero clara,
nit plena de misteris y de fantasmes blanchs.

D. Martínez Ferrando.

# De todas partes

El señor de Beaufront ha dejado de ser presidente de la *Societo franca por la propagando de Esperanto*; los Sres. Bréon y Lemaire también han dimitido. La junta de dicha sociedad há quedado constituída del siguiente modo: presidente, Sr. Cart; vicepresidentes: Sres. Dor y Meyer; vocales: Sres. Bourlet, Broca, Canet, Daniel, Delfour, Durieux, Evrot, Foveau de Courmelles, Fruictier, Muffang, Noel, Saquet y Tarbouriech.

—La *Slovena Esperanta Rondeto* (Jurschinzen apud Pettau, Stirio, Austria) desea publicar un aMnual de Esperanto en su idioma; pero no encuentra editor que lo publique, y recurre á los esperantistas pudientes para que favorezcan su empresa con pequeños donativos.

—Acaba de fundarse la *Esperanta Psikistaro*, sociedad internacional para estudios sobre espiritismo, telepatía, magnetismo, hipnotismo, etc.; la cuota es voluntaria; envíese la adhesión con la fotografía al secretario S.ro A. Stas, strato Antonius, 25, Antverpeno, Bélgica.

—Hemos recibido un atento saludo de la *Virina Esperanta Parolado*, sociedad

constituída por las señoras y señoritas de Santiago de Chile, que cuenta ya con ocho grupos en diversas poblaciones de Chile.

—*La Belga Sonorilo* ya no es el órgano oficial de la *Belga Ligo Esperantista*, cuya junta directiva también ha variado, constituyéndose nuevamente con personas fieles al Esperanto de Zamenhof.

# Verkoj aĉeteblaj

## ĉe la redakcio de LA SUNO HISPANA

*La Kuracisto per batoj*, komedio triakta de L. F. Moratín, tradukita de V. Inglada.—Prezo: 0'50 frankoj.

*La Jeso de Knabinoj*, triakta komedio de L. F. Moratín, tradukita de N. Maclean. Prezo: 0'50 frankoj.

*Verba amuzaĵo*, conjugación completa de un verbo en un discursito, de Esperantisto 10.072.—Precio: 0'10 frankoj.

*Cent dektri humoraĵoj* de Esperantisto 10.072.—Prezo: 0'40 frankoj.

*Provo de Esperanta nomigado de Personaj nomoj*, de Esperantisto 10.072.—Prezo: 0'75 frankoj.

*Edziĝo malaranĝita*, originale verkita de Vicente Inglada.—Prezo: 0'50 frankoj.

*Prozo kaj versoj*, originale verkita de Vicente Inglada.—Prezo: 2 frankoj.

*Portretoj de D.ro Zamenhof* sur fotografa poŝtkarto.—Prezo: 0'30 frankoj.—Laŭ pli granda formato sur kartono: 1'25 frankoj.

# Sciigoj

## EL HISPANUJO

La Grupo Esperantista de Barcelono titolita «Tero kaj Libereco» ĵus elektis la jenan komitaton.

## DE ESPAÑA

El Grupo Esperantista de Barcelona titulado «Tierra y Libertad» ha elegido la siguiente junta:

Presidente nato: D. Alejandro Lerroux.—Presidente honorario. Dr. L. L. Zamenhof.—Presidente efectivo: D. Mauricio Ferrer.—Secretario: D. Juan Sastre (Pasaje de Modolell, 11, Gracia, Barcelona).—Visecretario: D. Manuel Ejarque.—Tesorero: D. Federico Bendranas.—Contador: D. Juan Miralles.—Vocales: Sres. Sabaté, Aguilar y Canudas.

Oni fondis grupon en Baracaldo (San Juan, letra A, «Café Iris») kun la jena komitato:

Se ha fundado un grupo en Baracaldo (San Juan, letra A, «Café Iris») con la siguiente junta:

Presidente: D. Mauricio Romera.—Vicepresidente: D. Luis Aránaga.—Secretario: D. Jesús Lores.—Tesorero: D. Luis Esteban.—Vocales: D. Esteban Arejula, D. Eugenio Lunate y D. Pedro Arias.

Nia senlaca propagandisto S.ro José Garzon Ruiz estas nomita profesoro de Esperanto en la *Escuela Superior de Artes Industriales*, *Industrias* y *Bellas Artes*, de Cádiz. Ni lin gratulas sincere por tiel meritita elekto. La kurso estas malfermita la 1.an de Oktobro.

La duonmonata multeldona revuo Madrida *La Industria,* kies direktoro estas nia nova samideano S.ro Emilio Zurano, kaj estas eldonata de la grava firmo «Matías López» presigas de tri monatoj en ĉiu numero propagandan artikolon pri nia afero. Meritas grandajn laŭdojn la firmo, kiu scias tiel lerte, kiel sindone, unuigi sian profiton al la profito de la komerco kaj de la homaro.

*Ciencia é Industria* daŭrigas la publikigon de la lernolibro de S.ro Garzón titolita: «Prontuario de Esperanto». Ankaŭ en *La Gaceta del Norte* (Bilbao), *El Noticiero Bilbaíno*, *El Deber Social* (Valencia) y *El Correo de Guipúzcoa* (San Sebastián) oni legis bonajn propagandajn artikolojn.

Ni ricevis sciigojn el preskaŭ ĉiuj hispanaj grupoj anoncante la malfermon de la vintraj kursoj. Bonan sukceson!

La sidejo de la Valencia Grupo estas de nun strato Paz, 2, anstataŭ Paz. 20.

Nuestro incansable propagandista don José Garzón Ruiz ha sido nombrado profesor de Esperanto en la *Escuela Superior de Artes Industriales*, *Industrias* y *Bellas Artes*, de Cádiz. Le felicitamos sinceramente por tan merecida elección. El curso ha sido abierto el 1.° de Octubre.

La revista quincenal madrileña de gran tirada *La Industria,* cuyo director es nuestro correligionario D. Emilio Zurano, y que publica la importante casa «Matías López», inserta desde hace tres meses en todos los números un artículo de propaganda á favor de nuestra causa. Merece grandes alabanzas la casa que sabe, tan hábil como desprendidamente, unificar su provecho con el provecho del comercio y de la humanidad.

*Ciencia é Industria* continúa la publicación del manual del Sr. Garzón, titulado «Prontuario de Esperanto». También en *La Gaceta del Norte* (Bilbao), *El Noticiero Bilbaíno*, *El Deber Social* (Valencia) y *El Correo de Guipúzcoa* (San Sebastián) se han leído buenos artículos de propaganda.

Hemos recibido noticias de casi todos los grupos españoles anunciando la apertura de los cursos de invierno. ¡Buen éxito.

El Grupo de Valencia reside desde ahora en la calle de la Paz, 2, en vez de Paz, 20.

# Bibliografio

*Sub la neĝo,* taglibro de juna loĝanto de la Jura montaro, de J. J. Porchat. Verko kronita de la Franca Akademio; esperantigita de J. Borel.—Prezo: 1 marko, ĉe Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Berlin, Alemania.

*¿Latín ó Esperanto?* Conferencia de Ramón Limones, dedicada al Ministro de Instrucción Pública y Bellas Artes de México.—Precio: 25 centavos.—Imprenta Internacional, 1.ª Aduana Vieja, 4, México.

*Tri unuaktaj komedioj* de A. v. Kotzebue, T. Williams kaj M. Hankel, luditaj dum la 4.ª internacia Kongreso en Dresden.—Prezo: 0'75 markoj, ĉe Esperanto Verlag Moller kaj Borel, Berlin, Alemania.

*¿Quiere usted aprender esperanto?* Manual de la conversación esperanta, por el Dr. D. J. Bremón Masgráu, según el método Willemanns,—F. Granada y C.ª, editores, 344, Diputación, Barcelona.

*Verdaj fajreroj*, kolekto da versaĵoj de Romano Frenkel.—Prezo: 1 franko, ĉe Esperantista Presejo de A. J. Witteryck, Bruĝo, Bélgica.

*Internaciismo kaj Pacifismo* de J. Duroux, tradukita de Ary-Bourg.—Prezo, 0'25 frankoj ĉe Presejo S. Martino, Sainte Radegonde (I. et L.), Francia.

*Kopenhago*, ilustrita gvidlibro eldonita de Centra Dana Esperantista Ligo kaj verkita de Kaj Bendix.

*Bibliographie de l'Esperanto et classification decimale universelle.*—Edition française.—Prix: 0'50 frankoj ĉe Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris.

*Esperanto for the English*, grammar, exercises, correspondence, conversations, vocabulary, by A. Franks.—Price: 6 d. net.—Milner &. Co., Std., 15ª, Paternoster Row, London.

*The Pictorial Esperanto Course*, an easy conversational method for young and old.—The British Esperanto Association, 133-136 High Holborn. London W. C.—Price: one shilling.

*Esperanto*, lecciones graduadas y ejercicios progresivos por Ramón Limones.—Imprenta Internacional.—1.ª Aduana Vieja, 4, México.

*Popola frazlibro* en 30 lecionoj gramatike kaj sence laŭgradaj de R. Deshays.—Prezo: 0'60 frankoj, ĉe Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.

*Kanto de triumfanta amo*, de Ivan Turgenev el rusa lingvo tradukita de D.ro Andreo Fiŝer.—Prezo: 0'60 frankoj, ĉe la Librairie de l'Esperanto, Paris.

*Rusa Ŝlosilo* laŭ ĉefeĉa sistemo.—Prezo: 2 kopejkoj, ĉe S.ro C. Saĥarov, 28, Terskaja ul. Moscou, Rusujo aŭ ĉe Internacia Propagandejo Esperantista, Merton Abbey, London, S. W., Inglaterra.

*Kio povas okazi, se oni donacas surprize*, de Fritz Reuter, tradukita el la subgermana dialekto de E. Ĉefeĉ.—Dua Eldono.—Prezo: 0'60 frankoj, ĉe Internacia Propagandejo Esperantista, London.

*Slovakoj kaj Magiaroj*, kelkaj vortoj pri slovaka suferado en Hungario de Hynek Bouska.—Prezo: 0'50 kronoj ĉe Vadav Riegel en Praha, Bohemia.

*La Juĝo de Oziris*, de Henryk Sienkiewicz esperantigis A. Grabowski.—Prezo: 50 centimoj ĉe la administracio de *Pola Esperantisto*, en Varsovio.

*Protesilas kaj Laodamia*, tragedio de Stanislaw Wyspianski; el pola lingvo esperantigis D.ro Leono Zamenhof.—Prezo: 50 spesdekoj ĉe la administracio de *Pola Esperantisto*, en Varsovio.

*Cifera muziko*, per esperanto de E. Robert.—Prezo: 10 centimoj, aĉetebla ĉe la aŭtoro 5, rue Ravignan, ĉe la eldonisto 26, rue Antoinette aŭ ĉe la Librairie de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.

*Internacia legolibro*, unua parto eldonita de Emil Stark kaj Fr. Rockmann.—Prezo: bindita 1'70, broŝurita 1'20 markoj ĉe S.ro Stark, Kaiser Friedrichstr. 1 aŭ ĉe S.ro Rockmann, Buckanerstr. 14, Magdeburg, Alemania.

*Internacia helpa monsistemo*, de P. Corret.—Prezo: 0'10 frankoj, ĉe Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.

*Zamenhofaj vortoj* netroveblaj en la Universala Vortaro, tiritaj el *Ekzercaro*,

*Hamleto*, *Fundamenta Krestomatio*, la *Revizoro* kaj *la Rabistoj* kun citaĵoj; verko el la *Esperantista Dokumentaro*, sekcio B, Lingva Komitato.—Prezo: 1 franko, ĉe Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris.

*Emploi en bibliographie de la langue international auxiliaire Esperanto.*—Prezo nemontrita, ĉe Bureau Bibliographique de Paris, 44, rue de Rennes, Paris.

*Holanda Ŝlosilo* laŭ ĉefeĉa sistemo.—Prezo: 2 ½ centimoj, ĉe Holanda Esperanta Oficejo, Singel, 386, Amsterdam.

*Guida Esperanto de la Croce-Rossa* kaj *Esperanto-Führer für das Rote Kreuz* itala kaj germana eldonoj tradukitaj el la originalo franca de Leŭtenanto Bayol.—Prezo: 5 centimoj ĉe Hachette kaj K.°, 79, boulevard St.-Germain, Paris.

*Sveda Kantaro* kun melodioj, kolektita de G. Lofvenmark.—Prezo: 1 franko, ĉe la administracio de *Esperantisten*, Surbrennsg., 37, Stockholm, Suecia.

*Skotlanda Pejzaĝo*, vidaĵoj karakterizaj.—Prezo: 25 spesdekoj, ĉe Higgie &. Co·, Rothesay, Scotland.

*Praha* ilustrita gvidlibro por turistoj; zedaktita de Bohema Unio Esperantista kaj Esperantista Klubo en Praha.—Prezo: 25 spesdekoj ĉe la administracio de *Ĉasopis Ĉeskych Esperantistu.*

*Rememoro de Burgos* (Hispanujo), ilustrita gvidlibreto, akirebla ĉe la Centro Esperantista, San Juan, 48-50, Burgos, Hispanujo.

*Jarlibro de Italaj Esperantistoj.*—Prezo: 30 spesdekoj, ĉe la administracio de *Roma Esperantisto*, 198, Via Babuino, Roma.

*La Reĝlando de l'Rosoj* de Arséne Houssaye, esperantigita de Paul Champion.—Prezo: 50 centimoj ĉe Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépéde, Paris.

*Trafendita Turo* originala versaĵo de Théophile Cart.—Prezo: 25 centimoj ĉe Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, Paris.

*Tra la landoj*, albumo da dek poŝtkartoj kun kromfolioj pri diverslandaj vidindaĵoj kun priskribo, de Cécile Royer.—Prezo: 1 franko, ĉe Presa Esperantista Societo.

*Higieno kaj moralo*, studo dediĉita al la junularo de D.ro Paul Good, el franca lingvo tradukis Albert Herreman.—Prezo: 0'75 frankoj ĉe Presa Esperantista Societo.

*La kialo de la vivo.*—Prezo nemontrita, ĉe Presa Esperantista Societo.

*Grand Dictionnaire Francais-Esperanto.*—Ĵus aperis la naŭa kajero.—Prezo de la tuta verko: 28 frankoj, ĉe Presa Esperantista Societo.

*Vade-Mecum de l'Esperantiste*, esperanta radikaro et clef française du radikaro, précédé de notes sur l'Esperanto et d'un résumé de grammaire.—Prezo: 1'25 frankoj, ĉe Presa Esperantista Societo.

*Katalogo de la Biblioteko de S.ro Georg Davidov.*—Prezo: 50 spesdekoj ĉe la aŭtoro, Saratov, Ruslando.

*Aladin aŭ la mirinda lampo* el la «Mil kaj unu noktoj», tradukita de Major-General George Cox.—Prezo: 25 spesdekoi, ĉe British Esperanto Associotion, 133-136, High Holborn, W. C. London.

*An Hour Of Esperanto* a lecture in dialogue form by Th. Cart, adapted from the french by J. B. and M. Cox.—Price six pence; Presa Esperantista Societo.

*Fraŭlino Julie*, naturalista tragedio de August Strindberg tradukita el sveda

lingvo de Paul Nylén kaj S. E. Krikortz.—Prezo nemontrita.—Aĉetebla ĉe K. W. Appelbergs Boktryckeri, Uppsala, Svedujo.

*Pario*, unu akto, de August Strindberg, el sveda lingvo tradukis Birjer Strom.—Prezo nemontrita.—Aĉetebla ĉe K. W. Appelbergs Boktryckeri, Uppsala, Svedujo.

*La Patrino*, dramo en kvar aktoj de Santiago Rusiñol, tradukita de Alfonso Sabadell, Prezidanto de la Grupo de Barcelona.—Prezo: 2 pesetoj, ĉe Feliu kaj Susanna, 36, Ronda de San Pedro, Barcelona, España.

*Intercompréhension dans les formations et établissements sanitaires en temps de guerre.*—Prezo: 50 centimoj, ĉe Hachette kaj K.°, 79, Boulevard St. Germain, Paris.

*Esperantista Poŝkalendaro 1909.*—Esperanto Verlag Moller & Borel, Berlin S. Prinzenstrasse 95.—Prezo, lukse bindita, 0'40 Sm.

Tiu ĉi praktika verketo jam per sia unua eldono por la jaro 1908-a akiris multajn amikojn. Ĉar unuflanke ĝi estas tre oportune aranĝita notlibro kun dataro uzebla por ambaŭ kalendaraj stiloj, aliflanke ĝi enhavas multe da materialo interesa kaj utila por ĉiu Esperantisto. Precipe la detala listo da esperantistaj adresoj (konsuloj, grupoj, hoteloj k. t. p.) estas tre grava por ĉiuspecaj esperantistaj interrilatoj.

La nova eldono por la jaro 1909-a, aperonta komence de decembro, estas denove zorge redaktita. La adresa listo estas korektita kaj plenigita laŭ la nuna stato, kaj novaj, interesaj artikoloj estas enmetitaj. Ni do estas certaj, ke la Esperantistoj ree volonte aĉetos kaj uzos la beletan libron, precipe ĉar la prezo estas sufiĉe malalta.

La suprecitita eldonejo sendas senpage laŭ postulo la detalan prospekton kaj tarifon pri anoncoj kaj petas, mendi la anoncojn nepre antaŭ la 14-a de novembro.

# Esperantistaj Gazetoj

## I. Nacia Propagando

FRANCUJO: *L' Etoile Espérantiste*, monata gazeto, 16 paĝoj (25×32), en Esperanto kaj franca lingvo. Jara abono: en Francujo, 1,25 fr.; ekster Francujo 2 fr. (0,80 sm.). Administracio: «L' Etoile Esperantiste, 3, rue Sophie-Germain, *Paris*.»

FRANCUJO: *Paris Esperanto*, monata bulteno de la Pariza Grupo Espetista,ran 12 paĝoj (13,5×21) en Esperanto kaj franca lingvo. Jara abono: 1,50 fr. (660 sm.). Administracio: V. «Chaussegros, 3, place Jussieu, *Paris*».

GRANDA-BRITUJO: *The British Esperantist*, monata organo de la Brita Espèrantista Asocio, 20 paĝoj (18×25), en Esperanto kaj angla lingvo. Jara abono: 3 ŝiling. (4 fr.; 1,50 sm.). Administracio: «S-ro Sekretario de la B. E. A., 133-136 High Holborn, *London*, W. C.

GERMANUJO: *Germana Esperantisto*, monata organo de la Germana Esperantista Societo, 12, paĝoj (18×24), en Esperanto kaj germana lingvo. Jara abono: 3 mark. (4 fr.; 1,50 sm.). Administracio: «Esperanto Verlaj Moller & Borel, 95, Prinzenstrasse, *Berlin*».

HISPANUJO: *Stelo Kataluna,* monata revuo pri scienco, arto kaj Esperanta movado, 19 paĝoj (19—28) en Esperanto, kataluna kaj hispana linjvoj. Jara abono: His-

panujo 2'50 fr. (1 sm.); ekster Hispanujo 3 fr. (1.20 sm.). Administracio: «Rambla S. Isidoro, Igualado, *Barcelona*».

HISPANUJO: *Tutmonda Espero*, ĉiumonata revuo, organo de la Kataluna Esperantistaro, 16, paĝoj (17—25) en Esperanto kaj kataluna lingvo. Jara abono 3 fr. (1,20 sm.). Administracio: «Paradis, 12, pral., *Barcelona*.

POLUJO: *Pola Esperantisto*, monata organo de polaj esperantistaj societoj, 16 paĝoj (20—28) en Esperanto kaj pola lingvo. Jara abono: 5 fr. (2 sm.) Administracio. «Hoza 40, m. 8, *Varsovia*».

SVISUJO: *Svisa Espero*, monata organo de la Svisa Esperanta Societo, 12 paĝoj (14×22) nur en Esperanto. Jara abono: 2,50 fr. (1 sm.) Administracio: «S-ro Th. Renard, 6, Vieux-College, *Geneve*».

FINLANDO: *Finna Esperantisto*, monata organo de la Esperanto Asocio de Finlando, 12 paĝoj (18×24), nur en Esperanto. Jar abono. 1,20 sm. Administracio: «Ilarejo Esperantista, Kopman str. 11, *Helsinki* (*Helsingfors*)».

BOHEMUJO: *Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ* monata organo de la Bohemaj Esperantistoj, 16 paĝoj (13×20), en Esperanto kaj bohema lingvo. Jara abono: 3,75 fr. (1,50 sm.) por fremdlando; 3 K. por Aŭstrio. Administracio: «Ĉasopis Ĉeskych Esperantistŭ. *Praha*».

UNUIGITAJ ŜTATOJ: *The American Esperanto Journal*, monata organo de la Amerika Esperantista Asocio, 20 paĝoj (18×25), en Esperanto kaj angla lingvo. Jara abono: 1 dolar. (5 fr.; 2 sm). Administracio: «The American Esperanto Journal, Boulevard Station, *Boston*, Mass »

UNUIGITAJ ŜTATOJ: *Amerika Esperantisto*, monata gaceto, 16 paĝoj (13×23), en Esperanto kaj anglo lingvo. Jara abono: 1 dolar: (5 fr.; 2 sm.). Administracio: «Amerika Esperantisto, 1239, Michigan Avenue, *Chicago*».

PERUO, *Antaŭen Esperantistoj!!*, monata argano de la Perua Esperanta Societo, 12 paĝoj (17×25), en Esperanto kaj hispana lingvo. Jara abono: 3 fr.; (1,20 sm.). Administracio: «D-ro Federico Villarreal, Apartado 927, *Lima*».

BRAZILUJO: *Brazila Revuo Esperantista*, monata organo de la Brazilaj Esperantistoj, 32 paĝoj (15×23) en Esperanto kaj portugala lingvo. Jara abono: 6 fr. (2'40 sm.). Administracio: «Brazila Revuo Esperantista, Rua da Assembléa, 46, *Rio de Janeiro*».

CILUJO: *La Du Steloj*, monata organo de la Ĉila Esperantista Asocio, 28 paĝoj (17×26), en Esperanto kaj hispana lingvo. Jara abono: 5 fr. (2 sem.). Administracio: «Las dos Estrellas, calle de la Catedral, 1437, Casilla 727, *Santiago de Chile*».

JAPANUJO: *Japana Esperantisto*, monata organo de la Japana Esperantista Asocio, 20 paĝoj (19,5×26), en Esperanto kaj japana lingvo. Jara abono: 1,60 jen (4 fr. 1,60 sm.). Administracio: «Japana Esperantista Asocio Jurakĉo, Kiĵimaĉik, *Tokio*».

FILIPINAJ INSULOJ: *Filipina Esperantista*, monata organo de la Filipina Esperanta Asocio, 32 paĝoj (17,5×26) en Esperanto angla kaj hispana lingvoj. Jara abono: 2 P. (5 fr., 2 sm.). Administracio: «Philippines Esperanto Association, P. O. Box 326, *Manila*.

## II. Ĝenerala Propagando kaj Literaturo

*Lingvo Internacia*; monata centra organo de la Esperantistoj, nur en Esperanto. 48 paĝoj (13 × 20), kun 16 paĝa literatura aldono.—Jara abono: 7,50 fr. (3 sm.) Administracio: «Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, *Paris*.

*Juna Esperantisto*, monata gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj, 8 paĝoj (18 × 22), nur en Esperanto. Jara abono: 2,50 fr. (1 sm.). Administracio: «Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépede, *Paris*.

*La Revuo*, monata literatura gazeto kun la konstanta kunlaborado de D-ro Zamenhof, 48 paĝoj (16—24), nur en Esperanto. Jara abono: Francujo 6 fr. (2,40 sm.); ekster Grancujo 7 fr (2,80 sm.). Administracio: «Hachette & K^io^, 79, Bd. St-Germain *Paris*.

*Tra la Mondo*, monata tutmonda revuo kun multaj ilustraĵoj (22—28), nur en Esperanto. Jara abono: 8 fr. (3,20 sm.). Administracio: «Gazeto Tra la Mondo, 15, Bd. des deux Gares, *Mendon* (S.-et-O.) France.

### III. Specialaj Gazetoj

*Esperanto*, duonmonata internacia gazeto, organo de la Esperantistaj Konsulejoj kaj Oficejoj, 4 paĝoj (45 × 50), en Esperanto kaj diversaj naciaj lingvoj. Jara abono: 3 fr. (1,20 sm.). Helpabono: 10 fr. (4 sm.). Administracio: «S-ro H. Hodler, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genéve*».

*Internacia Scienca Revuo*, oficiala monata organo de la Internacia Scienca Oficejo Esperantista, 32 paĝoj (17 × 26), nur en Esperanto. Jara abono: 7 fr. (2,75 sm.). Administracio: «Internacia Scienca Oficejo, 8, rue Bovy Lysberg, *Genéve*».

*Espero Katolika*, monata revuo por katolikoj, 32 paĝoj (14 × 22), nur en Esperanto. Jara abono: Francujo 4 fr. (1,60 sm.); ekster Francujo 5 fr. (2 sm.). Administracio: «Pastro Em. Peltier. *Sainte-Radegonde* (Indre-et-Loire) France.

*Espero Pacifista*, monata organo de la Societo «Pacifisto», (13 × 21), nur en Esperanto. Jara abono; 5 fr. (2 sm.). Administracio: «S-ro G. Moch, 26, rue de Chartres. *Neuilly* (Seine) France.

*Internacia Socia Revuo*, monata socia gazeto, 16 paĝoj (22 × 27), nur en Esperanto. Jara abono: 6 fr. (2,40 sm.). Administracio: «S-ro R. Lois, 45, rue de Saintonge, *Paris*».

*Esperanta Ligilo*, monata revuo presita en relief-punktoj Braille por Blinduloj, 28 paĝoj (14 × 23), nur en Esperanto. Jara abono: 3 fr. (1,20 sm.). Administracio: «S-ro Th. Cart, 12, rue Soufflot, *Paris*.

# Al nia kara kolego «Esperantisten»

*Esperantisten*, nia sveda kolego, enhavis en sia Aŭgusta numero la jenajn vortojn: *la hispanoj ŝajnas esti nacio, kiu malbone komprenas Esperanton, tion pruvas ilia stilo terurega.* Ni ne dubas, ke *Esperantisten* akiris tiun konvinkon leginte multegon da terurstilaj verkoj de hispanaj esperantistoj; sed kiaj estis tiuj verkoj?

Ĉu ili estis leteroj, tute privataj verkoj, redaktitaj de novevarbitaj esperantistoj? Ĉu leteroj subskribitaj de famekonataj hispanaj esperantistoj? Ĉu presitaj verkoj traduke aŭ originare naskitaj? Ĉu estas stilo terurega, tiu de la hispanaj gazetoj? Jen dubo, kiun devas malaperigi nia terurigita kolego; ni atendu ĝian respondon.

Ĝis nun neniu esprimis tian opinion pri la hispanoj; en la internaciaj kongresoj, niaj sampatrujanoj Pastro Guinart, Codorniu, Ayza, Perogordo, Esteban kaj ceteraj,

estis facile komprenataj; en la unua literatura konkurso de *La Revuo* atingis la duan premion nia samlandano Vicente Inglada.

Sed tre kredeble, ŝajnas terura al *Esperantisten* nia stilo, la stilo de *La Suno Hispana.* Tiaokaze ĝi estas tute prava, kaj ni estas konvinkitaj, ke el ĉiuj esperantistoj ni estas la plej malbonaj. Tial ni ĉiutage atente tralegas ĉiujn gazetojn kaj verkojn esperantistajn celante iom bonigi nian stilon. Ni estus tre dankaj al samideano, kiu montrus al ni niajn erarojn aŭ frazojn malfacile kompreneblajn.

* * *

Sed nun premas nin alia dubo. Ĉu la stilo de la hispanoj estas vere terura aŭ ĝi nur ŝajnas tia al *Esperantisten*?

## ANONCOJ

---

INTERNACIA ASOCIO DE INSTRUISTOJ (I. A. I).—Dum la kvara kongreso de esper. en Dresdeno 1908 estis fondita definitive la I. A. I., post aprobo de la regularo, kiun ellaboris la prepara komitato S.oj Maréchal, Frenkel, Durieux, Ĉejka. La elektita estraro: D.ro E. Boirac, rektoro de la Universitato en Dijon (Francujo), honora prezidanto; Th. Cart, prof. de la Universitato en París, prezidanto; frl. de Chalnet (Nederlando), prof. F. Maréchal (Anglujo), R. Frenkel, inspektoro de gimnazio (Siberio), vicprezidantoj; F. Durieux, direktoro de lernejo (Francujo), sekretario; Th. Ĉejka, instruisto, kasisto (Bystrice-Hostyn, Moravio, Austrio-ricevas kotizaĵojn). Dum la kongreso okazis 3 kunsidoj (ĉe estis ĝis 200 personoj). En oktobro 1909 eliros la 1.a N.o de la «Internacia Revuo Pedagogia», oficiala organo de la I. A. I., kiu enhavos krom specialistaj artikoloj kaj raportoj pro la kunvenoj de instruistoj en Dresden ankaŭ la regularon de la I. A. I. La Revuo estos redaktata (nur en Esperanto) de konstanta kunlaborantaro, konsistanta el diversnaciaj instruistoj kaj pedagogoj. Ĉiu membro, paginta la kotizajon 1 Sm. (por 1 jaro) ricevados la Revuon *senpage*. Por nemembroj jara abono de 1'50 Sm. Redakcio kaj Administracio ĉe Th. Ĉejka, Bystrice-Hostyn, Moravio, Austrio.

---



---

KIU VOLAS EDZINIĜI?—Sinjoro Eduardo S. Cropper (Yellowstone Parko, *Wyoming*, Ameriko) estas nun servante sian patrujon en la amerika armeo, kaj li pensas veni en Hispanujon post sia militservado por edziĝi kun hispanino kaj fondi ĉe ni sian hejmon. Tial li dezirus korespondi kun hispanaj esperantistinoj (hispane aŭ esperante). Li estas alta, nigraj haroj kaj okuloj, kaj pezas 165 funtoj.

---

Tipografía Moderna, á cargo de Miguel Gimeno, Avellanas, 11—Valencia.